# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 28/06/2018 Tricentokdeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

*PMEGramatilko* *Uzindaj ligoj* *Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.* *reta-vortaro* *
*Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* **Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,750,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,360,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 385,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 4,400 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se klubo ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# MIA MALLUMA EPOKO

Plej probable neniu leganto de AE konscias pri la iom akra vetero kiun ni spertas en Perto nun, kiam finfine alvenis la vintro. (Plej probable ne multaj el vi konscias, ke ekzistas Aŭstralio en la fora okcident'!) Nu, post somereca aŭtuno, je la 25a de majo, dum ventega ekblovo, la supra parto de nia tre bela (Marcel ŝatus ĝin) *Eucalyptus erythrocorys "Red Cap Gum"* fendiĝis kaj la branĉo kun sia peza 'baldakeno' falis sur nian 25ml elektro-kablon.



Vi povas imagi, ke mi preskaŭ naskis katetojn dum mia edzo - kun ĉensegilo - apartigis la branĉon for de la kablo. Tiam: "Mi povas alfiksi pli sekure la kablon al la domo," li asertis, sed mi tuj fuĝis al la telefono kaj raportis la akcidenton al *Western Power.* Mi



komencis kuiri supon por nia lunĉo. Post duonhoro alvenis *WP*-homo kiu konstatis, ke la situacio estas tre danĝera. Sen averto, mi trovis min sen elektropovo. La homo estis malkonektinta la kablon kaj metinta ĝin en sian aŭton, por forĵeti. Al mia enketo pri la reakiro de nova kablo li respondis: *post unu tago aŭ du...*😱

Kaj ĝuste tiel estis. De la 11a vendredomatene, ĝis la 2a dimanĉomatene, ni estis en la mallumo, sen kuir' aŭ boligil' rimedoj (la gason ni neniam posedis), sen varmakva duŝo (por la dua banĉambro ni havas sunpanelojn por hejtigi la akvon, sed tiutage la nuboj tute obskurigis la sunon), sen komputilo, sen televidilo, eĉ sen telefono. La unuan vesperon ni enlitiĝis je la 6a kaj duono, la duan je la 8-a..... Ĉar mi povis nek legi, nek utiligi mian KD-aŭdigilon por aŭskulti al miaj *parolantaj libroj,* nek uzi la radion, mi tre malfacile endormiĝis dum tiuj du noktoj.



Vi povas imagi mian dankemon kiam la grupo de *Western Power* remetis nin en la modernan epokon. Je la dua a.t.m. mi elkuris por danki ilin, kaj dum la sekvanta horo mi purigis kaj ordigis du friduj/frostigilojn. Neniam plu mi plendos pri la kosto de elektro. Kaj, jes, jam venis la tempo por aĉeti poŝtelefonon kiun, ĝis nun, mi evitis aĉeti...

*Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Literatura posttagmezo en Adelajdo

La 23-an de junio grupo de adelajdaj esperantistoj kunvenis en la domo de Indrani Beharry-Lall. Ĉiu prezentis certan literaturaĵon. Ni aŭdis poemojn, ŝercojn, anekdotojn kaj poste ĉe kafo-teo-bonaj manĝaĵoj agrable babilis.





Surfote: Cathy kaj Michael Taggart, Charles Stevenson Indrani Beharry-Lall

*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj





BES membroj studis lecionon dum monata kunveno. Poste ili ĝuis refreŝigaĵojn ĉe proksima kafejo. *Peter Danzer*



# KRESKO 6

2018 majo

**KROATA ESPERANTISTA KOLEGARO**

Ĝuu la 6-an numeron de "Kresko" kaj post kelkaj tagoj libere elŝutu ĝin ĉe: www.esperanto-bjelovar.hr Poste klaku en tiu parto de la informilo

Mjesečnik *KRESKO* u PDF - formatu preuzmite ovdje!

| | | | |
|---|---|---|---|
| KRESKO 12 / 2017. | KRESKO 01 / 2018. | KRESKO 02 / 2018. | KRESKO 03 / 2018. |
| KRESKO 04 / 2018. | KRESKO 05 / 2018. | | |



# Ĝardenprizorgado.



## LINGVOPRIZORGADO.

Same kiel oni devas daŭre prizorgi sian ĝardenon, same oni devas daŭre prizorgi la lingvon kiun oni parolas. Kaj mi divenas, ke la Esperantistoj , inkluzive fluajn parolantojn, ne sufiĉe konas la signifojn de la plej ofte naturaj lingvoreguloj funkciantaj en Esperanto, kaj en la etnaj lingvoj. Tio ne estas miriga, ĉar en la ĉiutaga uzado oni speciale zorgas pri tiuj reguloj kiujn oni grandlitere lernis en la lernolibroj. Krom tiuj ekzistas neskribitaj naturaj reguloj, kiujn oni tamen devas obei, kaj kiujn scii helpas kompreni la aliajn, pli oficialajn regulojn, kiaj la dek-ses de Esperanto. Ili estas AŬ specialaj Esperanto-reguloj ne oficiale de Zamenhof enlistigitaj, AŬ ili estas naturaj reguloj validaj ankaŭ en etnaj lingvoj. Scii ilin aŭ almenaŭ konscii pri ili estas necesa por kompreni la aliajn regulojn kaj por pli bone praktiki la lingvon. Antaŭ nelonge mi rimarkis tiun mankon de scio ĉe ec flue parolantaj gesamideanoj.

Scii la naturajn regulojn, kaj eĉ scii la specialajn regulojn, ne estas bezona en la etnaj lingvoj, ĉar oni simple kopias la lingvon de la antaŭa generacio. Tiel jam en antaŭskribaj tempoj la homoj subkonscie transsendis la lingvon kun ĝiaj ofte tre komplikaj reguloj gramatikaj transe al la sekvanta generacio, sen scii la regulojn kiujn ili aplikis. Scii la gramatikon ne necesis, ĉar la lingvoj evoluis laŭ siaj propraj manieroj. Eĉ nun teorie infanoj kaj plenkreskuloj ne bezonas scii iun ajn gramatikon por ĝuste paroli. Oni ĝin bezonas iomete por skribi la lingvon.

Sed la afero malsamas en Esperanto, ĉar Esperanton la Esperantistoj grandparte kreas mem. Por tion fari ili bezonas scii ne nur la kutimajn gramatikajn regulojn de la lingvo, sed krome ankaŭ la malpli menciitajn, precipe naturajn, regulojn. Alivorte, la Esperantistoj devas esti lingvistoj por bone lerni sian lingvon. Aliflanke ĉiuj Esperantaj kaj naturaj reguloj estas multe pli, multege pli facilaj ĉar simplaj, regulaj, kaj senesceptaj. Por sukcesi en unuajara ekzameno universitata la Esperantistoj bezonus studi nur unu monaton. Sed studi ili devas. Bonŝance nuntempaj Esperanto-instruistoj substrekas, ke lerni la gramatikon de Esperanto estas preskaŭ same malfacila ol lerni tiun de etna lingvo, escepte ke oni bezonas nur kvinonon de la tempo, pro ĝiaj simplaj, logikaj. kaj senesceptaj reguloj. Sed lingvo estas io tre komplika kaj detala, kaj tial malfacila. Ne sufiĉas simple parkerigi vortojn kaj esprimojn, kiel en etnaj lingvoj.

Kompreni gramatikajn regulojn estas pli malfacila ol simple lerni ilin. Ekzemple facilas diri ke la akuzativo ricevas la finaĵon "-n", sed malpli facila klarigi la de la naturo devigatajn esceptojn kaj klarigi kio kaj kial io estas akuzativa, aŭ ne. Kiel mi menciis, Esperantistoj devas scii ĉi ĉion, ĉar ili parte kreas la lingvon dum la uzado. Por helpi la komprenon ante naturajn regulojn, ĝenerale tre malbone sciatajn kaj komprenatajn, mi intencas en la venontaj eldonoj de A. E. detale klarigi ilin. Ili estas plejparte naturaj reguloj, sed ankaŭ specife Esperantaj reguloj ne ofte menciataj. Mi faros tion ĉar antaŭ nelonge mi eltrovis ke flue parolantaj Esperantistoj scias preskaŭ nenion pri la afero. Ofte lernolibroj ne mencias ilin. Miaj klarigoj aperos sub la rubriketo "Kion vi verŝajne ne scias aŭ ne ekzakte scias".

*Marcel Leereveld.*



# KELKAJ LINGVAJ AFEROJ NE SUFIĈE KONATAJ . A.



**1).** En naturaj lingvoj ideale, kaj en Esperanto regule, ĉiu vorto havas nur unu signifon kaj ĉiu signifo reprezentatas de nur unu vorto. Kiam du vortoj aspektas havi la saman signifon, tiam ili indikas najbarajn signifojn.

**2).** Kvankam nature ekzistas variaĵoj en la signifo de vorto, ĉiu vorto ĉiam signifas la tutan koncepton. Do ke la substantivo "tablo" signifas la tutan tablon indikatan, ne parton de la tablo. Same ĉe la adjektivoj: "flava:" ne povas signifi parte flava kaj parte ruĝa. Same ĉe la adverboj: se iu kuras rapide, ŝi/li kuras ne parte rapide kaj parte malrapide. Same ĉe ĉiuj vortspecoj inkluzive de la verboj: Se vi promenas/is/os/u/us/i vi faras la tutan promenadon, el de komenco ĝis fino, kaj se vi manĝas bananon vi manĝas la tutan bananon el komenco ĝis fino. **ĈIU ESPERANTISTO DEVAS SCII TION !** Tiu regulo validas ankaŭ por etnaj lingvoj. Ĉe verboj kiaj "esti" la daŭron de tiu ago decidas la parolanto.

**3).** En Esperanto nur vortoj finiĝantaj per unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -u, -us kaj –i estas verboj. **ĈIU SCIU TION !**

**4).** En Esperanto participoj ne estas verboj, sed adjektivoj kun verba radiko. Tiuj verbaj radikoj povas aldoni al la adjektivoj siajn komplementojn. En Esperanto la participo ne indikas la agon sed nur la staton de substantivo pro la ago, per –inta kaj –ita kaj –onta kaj –ota aŭ indikas nur parton de la tuta ago, per –anta kaj –ata. Pli pri tio poste, ĉar tre grava kaj scienda de ĉiu Esperantisto/ino. (daŭrigota). *Marcel Leereveld.*



# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 34 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Baza frazo havas almenaŭ unu vorton reprezentantan la Subjekton, ekz. "Viro", kaj almenaŭ unu vorton por indiki la agon, ekz. "batis", kaj tre ofte almenaŭ unu vorton por indiki eventualan gramatikan Objekton, ekz. "hundon", kaj ofte almenaŭ po unu vorton por indiki eventualajn cirkonstancojn, nomitajn Adjektoj, ekz. "hieraŭ" kaj "enparke". Tiajn vortojn oni nomas "kernvortoj". Ĉiu kernvorto povas ĉehavi komplementojn, ekz. "La forta viro estis batanta unu malgrandan hundon hieraŭ matene en tiu bela parko.". La kernvorto kun siaj komplementoj formas la Subjekton aŭ la Predikaton (= agon) aŭ la Objekton aŭ la Adjekton. Tio estas la kazo en hindeŭropaj lingvoj kaj ankaŭ en Esperanto. Ĝenerale nur la kernvorto ricevas la markon por indiki kiu parto de la propozicio (= *sentence*) ĝi estas: Nominativo kaj manko de Prepozicio por la Subjekto; verba finaĵo (= as, is, os, u, us, i) por la Predikato (= agoparto); akuzativo kaj sen prepozicio por la Objekto; Prepozicio aŭ anstataŭa Akuzativo, aŭ Adverbo, por la Adjektoj. Ĉiu Komplemento estas en Esperanto parto de iu frazparto kaj apartenas al la kernvorto. Komplemento do ne estas individua frazparto, sed parto de iu frazparto. Necesas memori tion por la du estontaj PAG-artikoletoj. Kaj notu ke la anglaj gramatikistoj ne necese dividas frazon sammaniere kiel la Esperantaj kaj kelkfoje uzas alian terminologion.




(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro tria ero



Havis problemojn en la lernejo Marko Anglo. La lerneja psikologino tre forte deziris paroli kun mi. Mi iris al la lernejo kaj parolis kun ŝi. Ŝi estis tre amikiĝema. Subite ŝi ekkriis, "Kio en la mondo, ĉu ankaŭ vi estas esperantisto ?" Kaj respondis mi, "ĉu ankaŭ vi ?" Ŝi estis vidinta mian verdan stelon, kaj subite ankaŭ por ŝi la vivo plivaloris en Frederikssund.

Estis do decidite, ni fondis la organizaĵon, "Esperanto- Klubo de Frederikssund", kaj eldonis gazeton "Frederikssundaj Frenezaĵoj", kiun mi redaktis kaj presis dumnokte en unu el miaj deĵorejoj apartenantaj al la dana registaro, kiu nun, vole nevole, devis subteni Esperanton !

Ni havis plurajn membrojn, kaj eĉ instruis multajn. Helpis nin en la vesperlernejo lia moŝto Uwe Lohse, kiun multaj aŭstralianoj eĉ bonege konas, ĉu ne ? Li estis tiam juna kaj bela, nun li estas nur bela !

Frederikssund estas urbo progresema. Unu fojon ĉiujare okazis "dan- sveda Esperanto-tago", komuna renkontiĝo inter svedaj kaj danaj esperantistoj. Unu jaron oni renkontiĝas en Danlando, kaj la venontan en Svedujo. Subite estis la vico de Frederikssund gastigi la svedojn. Mi estis avertita, kaj iris al la turistoficejo petante, ke ili presu turistbroŝuron pri Frederikssund en Esperanto, kaj ke mi jam tradukis ĝin.

Post la kutima demando, "kio estas Esperanto ?" oni decidis, ke ĉiuj svedoj bone komprenas la danan, kaj ke ili facile povas legi la jam ekzistantan broŝuron. Diris mi, ke kvankam la du lingvoj iomete similas, estas tamen pli da svedoj, kiuj komprenas Esperanton pli bone ol la danan. Ni do decidis, ke la turistoficejo fotokopiu mian tradukon de la broŝuro. Kaj tio okazis, kaj ni distribuis kaj la broŝuron kaj la tradukon inter la pli ol 100 geesperantistoj skandinavaj.

Iam, laborante por la eksmarsoldatoficiro, mi instruis junan, bonkoran homon. Ni komencis en Vesterbrogade, kiu daŭrigas sian ekziston en "Frederiksberg Allé", aleo, kiu kondukas al "Frederiksberg Have", kie staras statuo de Frederiko la 7-a, se mi bone memoras. En Frederiksberg Have estas granda flava palaco nomata "Frederiksberg Slot". Antaŭ multaj jaroj, kiam la reĝoj estis respektataj, ili iris el Kopenhago al la palaco en Frederiksberg, sed nur dumsomere. Ĉar ili devis, por eliri el Kopenhago, laŭiri la larĝan aleon, kiu sekvas Vesterbrogade, ĝi nomatis Frederiksberg Allé. La reĝoj iris tien per kaleŝoj, ni iris pli aristokrate per bicikloj !

*Daŭrigota* *BobFelby*







**3ZZZ** ….. En la elsendo de la 25a de junio 2018 eblas ekscii pri la de Katja Steele proponitaj rimedoj por enmovadigi la Esperanto -lernantojn de Duolingo kaj pri mirinda artefarita mano prezentita en Romo. Krom tio ĉiam eblas aŭdi kantojn en Esperanto de la plej famaj Esperanto -kantistoj



Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*

